24a Jaro - No 10 (260) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Oktobro 1938a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.33

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
41, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

KELKAJ POSTLIBERTEMPAJ PRIPENSOJ

## Alvoko al nova plenkonscia laboro

Denove la libertempo forpasis kaj la gvidantoj penlaborigas sian cerbon por eltrovi ion novan, ĉiam pli allogan por altiri al la kursoj novajn elementojn.

La novuloj estas kiel ni, antaŭ tiom aŭ tiom ĉi da jaroj. Ilin plej bone trafas la efektiva valoro de la lingvo internacia, kiam tiu valoro estas, per faktoj, plej klare montrataj al ili. Teorio povas esti kiel ajn bela, ĝi restas teorio.

Pri tio ni pensis, antaŭ kelkaj semajnoj, kiam, laborinte ankoraŭ dum la tuta tago ĉe nia labortablo, ni forlasis, posttagmeze, nian redaktejon por, flugmaŝine, alveni, apenaŭ tri horojn poste, en la tiom alloga ĉefurbo de Danlando, kie ni estis akceptataj, ĉe l' elsalto el la aviadilo, de sindona samideano kaj de la reprezentanto en Danlando de nia nacia societo Sabena.

La hazardo de tiu renkontiĝo devigis nian trion paroli tri lingvojn kaj dum unu el la tri lingvoj estis parolata, ĉiam unu partoprenanto restis senscia pri tio, kion diris la aliaj.

Kiam la du Esperantistoj kune parolis, la reprezentanto de SABENA ne komprenis; kiam la franca lingvo estis uzata, nia Esperanta dana amiko ne komprenis kaj kiam ambaŭ en Danlanda loĝantaj personoj parolis... nia iama ekstudado de tiu lingvo tamen ne permesis al ni sekvi la diskuton.

La sekvo de tiu trilingva iom malfacila interparolado estis, tamen tre feliĉiga.

Ekaŭdinte ke ni estis faronta paroladon ĉe la loka Esperanta grupo, la reprezentanto de la Belga firmo, opiniis vere interese ankaŭ iri kaj aŭskulti.

Kaj vidu, la Kopenhagaj amikoj estis kaptintaj la okazon de vizito de Belga samideano, por organizi specialan kunsidon al kiu ili invitis la ĉeestantojn al la Esperanto-semajno de Helsingör, apartenantaj al dek diversaj nacioj.

La efiko, kiam ni paroladis antaŭ tiu diversnacia aŭdantaro, estis sur tiu eksterstaranto, kiu iam en Belgujo estis jam aŭdinta, de Brusela samideanino, pri Esperanto, tamen tutalia, ol kiam oni teorie parolis al li, pri la afero.

Kaj la letero, kiun li skribis al ni post nia reveno en Belgujon montras, ke se li eble ne tuj eklernos Esperanton, ni konvinkis tamen iun, kiu staras ĉe gvida posteno en societo al kiu plej utilus la uzo de Esperanto, ne nur pri la utileco, ja ne kontestebla, sed pri la larĝaj eblecoj, kiujn prezentas Esperanto, en sia nuna stadio de evoluo.

Se ni citis tiun ekzemplon, ne estas por fanfaroni pri iu sukceso, cetere eta kaj tute relativa, kaj pri kiu niaj Danaj amikoj povas trovi pli grandan kialon por fieri ol ni mem, sed por memorigi niajn legantojn, ke la plej bona maniero por propagandi estas kaj restas ĉiam la uzo de nia lingvo, ĉie kie tio estas ebla.

Kiam kelkajn tagojn poste, ni travojaĝis Francujon ĝis la Azura Marbordo, ni ja renkontis diversloke informilojn en Esperanta lingvo, kiujn sukcesis akiri, de diversaj administracioj, viglaj laborantoj por nia movado.

Tiuj informiloj estas, kompreneble, tre utilaj por la fremdaj Esperantistoj, kiuj vojaĝas. Propagandcele, ili ankaŭ estas utilaj, ĉar ili montras la daŭran ekziston de nia lingvo al tiuj malmultaj, kiuj eble ne jam scius.

Sed, laŭ ni, ĉiuj skribitaj tekstoj ne valoras laŭ propaganda vidpunkto la renkontiĝon, ie en publika ejo, de oficisto, kiu, ĉe l' vido de via stelo, alporalas vin en nia lingvo kaj helpas vin pere de ĝi, dum la aliaj, kiuj ĉirkaŭstaras, ĉiam ankoraŭ miregas ;

ne valoras la uzon de nia lingvo dum promenadoj kaj vizitoj al kiu ajn vidindaĵo, kiam oni pilotas en sia urbo aŭ en sia lando fremdan Esperantiston ;

ne valoras eĉ la nuran uzadon de nia lingvo, en kunvenoj aŭ festoj, kiujn ĉeestas ne-Esperantistoj

Post nia ora jubileo, ni povas esperi, ke la granda publiko jam scias, ke Esperanto ekzistas, ke ĝi estas uzebla por interŝanĝo de poŝtmarkoj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

Post nia ora jubileo, milionoj ankoraŭ dubas, ĉu fakte ni, per nia lingvo, povas esprimi niajn ideojn, niajn pensojn, niajn esperojn, nian amon, niajn ĝojojn kaj malĝojojn.

Tiun dubon ni forigu! Kaj al tiu celo ĉiuj povas kunlabori, simplaj membroj, same bone kiel gvidantoj.

Maur JAUMOTTE

### Ĉiam antaŭen

# NIA XXXIa UNIVERSALA EN BERN

## Alvoko de la Loka Kongresa Komitato

Jam en nia antaŭa numero, en kiu ni povis publikigi la unuan esperantistan raporton pri la brile sukcesinta kongreso en Londono, ni sciigis al niaj legantoj, ke la sekvonta kongreso, la XXXIa, okazos de la 29a de Julio ĝis la 5a de Aŭgusto en la Svisa ĉefurbo Bern.

La L.K.K. kiu estis senprokraste starigita, sendis jenan alvokon al la tutmonda esperantistaro:

La federacia ĉefurbo de Svislando invitas vin al la proksimjara 31a Kongreso de Esperanto.

Estas granda honoro por la registaro de la plej malnova respubliko de la mondo kaj por la aŭtoritatoj de Berno saluti la tutmondan Esperantistaron. La enloĝantaro de la ĉefurbo pruvos al vi ĝian konatan gastemecon.

La duan fojon la samideanaro kongresos en Berno, kaj ni volas ripeti la bonan funkciadon de la kongreso de 1913. Tial jam hodiaŭ ni celkonscie laboras, ĉar « Grandaj okazontajoj bezonas sian tempon. »

En sama maniero kiel la Esperanto-movado celas fortigi kaj akceli la solidarecon inter la samideanoj, tiel estas la tasko de la registaro kaj enloĝantaro de Berno, verki per fruktoporta komuna laboro indan bazon. La komforta singardemeco de la montarano kaj la zorgema radikaleco kuniĝas kun la rapida decidemeco de la urbano, por sukcesigi la altan taskon.

La gvidado de la kongreso estas konfidita al Esperanto-Societo Berno, kiu starigis komitaton de kapablaj personoj. La registaro certigas al la kongreso siajn moralan kaj financan subtenojn.

La Loka Kongresa Komitato kunigas lertajn Esperantistojn kaj por specialaj laboroj fakulojn; per tia kombino ĝi estas kapabla organizi ĉiuflanke sukcesan manifestacion. LKK jam nun preparas la kongresprogramon; ĝi similas la lastjarajn, sed kunigas ankaŭ kiel eble plej grandan ĝuon de la belecoj de la kongreslando. La multflankeco de nia programo: serioza laboro, instruado, amuzo, ebligas al la kongresanoj ankaŭ la ĝuon de la neimageblaj belecoj de la Berna Altlando — la gastoĉambro de Svislando. Tia programo estas apenaŭ superebla.

Ĉe tiu okazo ni volas sciigi al vi, ke la esprimo « la multekosta Svislando » estas fabelo. La vivkondiĉoj en Svislando estas la samaj kiel en la tuta civilizita mondo. Sed la kvalito de tio prezentata en multaj kazoj superas tion de aliaj landoj. La kongresa komitato zorgos por favoraj aranĝoj kun hoteloj, restoracioj kaj fervojoj, tiel ke al ĉiu Esperantisto la partopreno estos ebligita.

Estos ĝojo por ni agrabligi al vi ĉiuj la restadon en Svislando, tiel ke ĝi restos eterna memoro. Jam hodiaŭ ni bonvenigas ĉiujn partoprenontojn de la 31a: venu al Svislando, la lando de via sopiro depost juneco.

Por la Loka Kongresa Komitato :
La Prezidanto : Dir. H. BUCHLI.
La Gen. Sekretario: O. WALDER.



Federacia Palaco en Bern.

# BELGA KRONIKO

## B. E. I. Jubileas

**Ni memorigas pri la fakto ke la grupoj kaj la individuoj ankoraŭ povas akiri libropakaĵojn je valoro de**

**Fr. 50 Fr. 100 Fr. 250**
**je Fr. 25 Fr. 50 Fr. 100**

### GRUPA KALENDARO.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile: ĉiusabate je 20a h. 30.

**ATENTU ! Ekde la 1-an de Oktobro la kunsidoj komenciĝos akurate je la 20a h. 30 min. La membroj estas petataj ne plu eksidi en la kafejo. Je la ekzakta horo estrarano estos en la salono de la 1-a etaĝo kaj komencos paroligan kurseton. Ĉiu leciono estas sendependa unu de la alia. Ne gravas do la fakto de neĉeesto ĉe unu el ili.**

**La malnovaj membroj estas invitataj ankaŭ ĉeesti jam de la 20a h. 30.**

**Ĉiuokaze je la 21a komenciĝos la oficiala kunsido, kies programo estas antaŭe konigata.**

**Ankaŭ tiurilate la estraro zorgos ke ĉiam estu tia programo.**

**Mardon, la 4-an de Oktobro je la 20a horo en la Esperanto-Domo, 127, Lange Leemstraat, nova kurso de Esperanto. Profesorino F-ino Maria Jacobs. Ĉiu kunhelpo al la plenigo de la klassalono!**

★

**Sabaton, la 24-an de Septembro por gaje ekkomenci la vintran sezonon: MOSSELSOUPER OP SINT-ANNA (Mitulvespero sur la maldekstra Skeldo-bordo.**

Sabaton, la 31an de Sept.: Kunveno de la gemembroj en la magazeno de Belga Esperanto-Instituto; okaze de la datreveno de ĝia fondiĝo.

Sabaton ,la 8an de Oktobro: Parolado de s-ro Jaumotte, pri de li farita vojaĝo flugmaŝine al Danlando kaj aŭtomobile al la Azura Marbordo. (En « Witte Leeuw ».)

Sabaton la 15an de Oktobro: parolado de s-ro Lodema, pri la 30a Universala Kongreso en Londono. (En « Witte Leeuw ».)

Sabaton, la 22-an, kantvespero, sub gvidado de s-ino Faes. (En « Witte Leeuw ».)

Sabaton, la 29an: ĉiumonata manĝvespero (kuniklo!) (Ejo poste komunikota.)

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO : « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

Dimanĉon, la 25-an de Septembro en « Cornet d'Or » je la 18a horo granda propaganda kunveno sub prezido de S-ro Dervaux. Ĉe la tagordo propaganda parolado de S-ro Jaumotte, vicprezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista. Filmprezentado de S-ro P. Kempeneers, prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Kunvenoj dum Oktobro 1938, ĉiuj en Kunvenejo:

Mardon, la 4-an de Oktobro: a) Dikto de kanto (Prez. F-ino Thooris); b) Konkursetoj kun premioj (Prez. s-ro H. Van Roye).

Mardon, la 11-an: a) Rememorigo de la fondiĝo de la grupo, 10.10.1902 (Prez. F-ino Y. Thooris); b) Kantvespero (gvidado: S-ino Ch. Poupeye; ĉe la piano: S-ino H. Van Roye); c) Portretludo (Prez. S-ro G. E. Guillaume).

Mardon, la 18-an: a) Parolado de S-ro Van Roye pri: Diktatoroj (Prez. F-ino M. Vanden Berghe); b) Intima babilado (Prez. S-ro Ch. Poupeye).

Mardon, la 25-an: Esperanta kartludado (Prez. S-ro K. Decoster).

Mardon, 1-an de Novembro: je la 10.30-a en S-ta Georgo-strato: Sekvantaro al la Milita Tombejo.

KURSO POR KOMENCANTOJ: ĉiuvendrede en la Sidejo « GOUDEN HOORN - CORNET D'OR » je la 20-a, la 7-an, 14-an, 21-an kaj 28-an de Oktobro: 2-a, 3-a, 4-a kaj 5-a lecionoj.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde :
De la 7-a ĝis la 8-a : Dancleciono.
De la 8-a ĝis la 10-a : Kunveno.

CHARLEROI. — **« Cercle Polyglotte »**, Passage de la Bourse. Paroligaj kunvenoj ĉiusabate je la 19a h. 30.

Sabatan, la 24-an de Septembro je la 19,30 h. malferma kunsido kun enkonduka parolo de S-ro Marghem, prezidanto kaj prezidinto de la L.K.K. Charleroi kaj pri-esperanta parolado de S-ro C. Cafonnette.

Merkredon je la 19.30 h. kaj Sabaton, je la 19.30 h. elementa kaj perfektiga kursoj de Esperanto. Gvidos S-ro C. Cafonnette.

### GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Dum la monato de Aŭgusto kaj la komenco de Septembro multaj gemembroj regule kunvenis sed sen programo kune restis. Inter aliaj vizitoj estas citinda tiu de S-ro Krestanoff, bulgara samideano, kiu, revenante el Islando, trapasis nian landon.

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — La 9-an de Aŭgusto, S-ro Van Roye rakontis sian vojaĝon al Londono okaze de la 30-a Universala Kongreso kaj raportis pri la ĉefaj okazintaĵoj. En tiu kongreso partoprenis jenaj grupanoj: Ges-roj Van Roye, F-ino Meeuws, S-ro Moy Thomas, S-ro Blaise kaj S-ro Bingham.

La kunveno de la 16-a estis dediĉata 1-e al legado kaj klarigado de Belga Esperantisto sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye, kaj 2-e al portretludoj.

La 23-an de Aŭgusto, F-ino Thooris diktis la kanton « Al la Esperantistaro » kaj poste okazis intima babilado duopa kun posta raporto, sub gvidado de S-ro H. Van Roye.

La 30-an de Aŭgusto okazis kantvespero sub gvidado de Ges-roj Van Roye kaj portretl... agrabligis la lastan parton de la vespero.

La 6-an de Septembre debato «Kiel vojaĝ... sub gvidado de S-ro Van Roye paroligis ĉi... ĉeestantojn kaj ĉar ili tiel bone parolis, la k... vengvidanto post tio permesis al ili intim... interbabiladon... kompreneble nur en Esp... anto! « Ring! »

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** La unuan de Aŭgusto, s-ro Krestanoff, kiu ... ankoraŭ estis prelegvojaĝanta en nia land... rolis interese pri siaj impresoj pri Islando... kie li kelkajn semajnojn antaŭe estis alvenin... Pri tiu tre atentinda prelego raportis detale ... ĵurnaloj « Indépendance belge » kaj « Avan... garde » (artikoletoj de s-ro Van der Stemp...

**GENTO. — « Genta Grupo Esperantista ».** — Kvankam la monato Septembro estas ank... raŭ pli alloga pri eksterurbaj promenadoj ol ... vesperaj kunsidoj, kelkaj grupanoj kunve... en « Melomanes » la vendredon 9-an de Se... tembro, por aŭskulti paroladeton de Fraŭlin... Nachtergaele pri « Svisujo ».

Tre klare, kaj eĉ poezie, F-ino Nachtergae... priskribis la montojn, valojn kaj lagojn de ... ĉarmega lando, kiun ŝi bone konas pro el... restado agrabligita, ne nur de la naturaj vi... indaĵoj, sed ankaŭ de la perfekta organizado ... la hotela servo.

La aŭskultintoj tre ŝatis tiun intereson pa... adeton, kaj estas dankemaj al la paroladintin...

Poste oni interŝanĝis ideojn pri nova lecion... aro, kiu komenciĝos en Oktobro, kaj pri kiu ... grupa komitato nun zorgas.

**LOVENO. — Lovena Grupo Esperantista.** — ESPERANTO EKSPOZICIO. — La grupo org... nizis Esperanto-ekspozicion la 4-an, 5, 6, ... kaj 12-an de septembro en Hotelo Rattem... Estis la unua fojo ke ĝi okazis dum la 2 un... semajnoj de la lovena kirmeso. Ĝi estis ve... sukcesego. La organizantoj estis gratulitaj p... la bona aranĝo de s-ro Doms, anstataŭanta u... estro, kaj de diversaj aliaj altranguloj. Ĉ... aŭskultis kun granda intereso la diversajn kl... igojn, kaj esprimis la deziron ke la grupo da... igu sian laboron. Dum la ekspozicio estis ven... ataj 85 ekzempleroj de « Premier Manuel ... kaj « Eerste Leerboekje ». Tio sufiĉe montr... la intereson kiun havis la publiko por nia li... gvo. Multaj gazetoj anoncis kaj raportis pri ... ekspozicio kaj ankaŭ N.I.R. anoncis ĝin. Sa... ideano el Seraing speciale venis Lovenen a... inte pri la aranĝo pere de la radio.

### FAMILIA KRONIKO.

#### KODOLENCOJ.

— Al Sinjoro Vikario G. Deschaumes, Gendbrugge, ano de Gent'a Grupo Esperan... ista, ni prezentas tutkorajn kondolencojn p... la kruela funebro kiu trafis lin: lia karmem... patro mortis antaŭ kelkaj semajnoj. La mor... into estis ankaŭ aprobanto de la Esperant... Movado.

— Al S-ro Edouard Verbeke, kaj familian... gemembroj de la Bruĝa grupo, pro la morto ... lia fratino kaj ilia parencino, S-ino Marguer... CLAUW-VERBEKE. (30.8.38.)

— Al Ges-roj Julien Roose, gemembroj ... la Bruĝa Grupo, pro la morto de ilia frato k... bofrato, S-ro Albéric ROOSE. (2.9.38.)

#### GRATULOJ.

— Al S-ro Ach. Wauters, administranto ... Belga Ligo kaj komisaro de « La Verda Stelo ... Antverpeno, kiu akiris la Industrian Honorig... Insignon unua-klasan.

— Al S-ro J. ROMBOUTS, membro de ... Bruĝa Grupo, pro lia nomiĝo kiel inspektoro ... la fiskaj impostoj en Gento. (14.8.38.)

## Léon Champy mortis

En la komenco de tiu ĉi monato mortis, en Antverpeno, S-ro Léon Champy, kiun la plej novaj membroj eble ne plu tiel bone konas, sed kiujn la malnovuloj konis des pli bone, ĉar li estis unu el la pioniroj de nia movado en Belgujo.

Estis Léon Champy, inĝeniero kaj membro de la iama « Antverpena Grupo Esperantisto », kiu en 1908 starigis kun S-roj Frans Schoofs, Van der Biest-Andelhof, Jer. Van Laere kaj Oscar Van Schoor nian karan « Belga'n Esperantisto'n ».

Estis eĉ S-ro Champy, kiu skribis por la unua numero la enkondukan artikolon « Nia Programo », en kiu li, — estis la tempo de la Ida demando —, alvokis **« ĉiujn admirantojn de la Esperanto de D-ro Zamenhof kaj de neniu alia »** al kunlaboro kaj apogo.

Post la skismo, kiu okazis en 1908 en la rangoj de Belga Ligo kaj kiu devigis la fidelulojn eldoni la novan gazeton, — nian nunan revuon —, S-ro Léon Champy iĝis ĝenerala sekretario de nia Ligo.

Li vigle laboris en tiu funkcio ĝis en 1914, kiam li eksiĝis el tiu funkcio kaj estis anstataŭata de S-ro H. Peiau.

Dum la sekvanta kunveno de la Komitato de Belga Ligo, liaj kolegoj elektis lin, kiel vicprezidaton sed li tiam ne akceptis.

Post la milito, li tamen funkciis kaj estis vicprezidanto ĝis en la Kongreso de Mons, kiam li definitive rezignis ĉiujn postenojn en nia movado.

Li post la milito kunklopodis kun kelkaj amikoj, por restarigi la Antverpenan Grupon Esperantistan kaj kiam tiuj klopodoj evidentiĝis vanaj, li iom retiriĝis el la aktiva movado.

Okaze de la Kongreso de Antverpeno, en 1937, ni tamen havis la ĝojon lin revidi en niaj rangoj.

Ni kun dankemo ĉiam memoros pri la grandega laboro, kiun plenumis iam nia bedaŭrata pioniro Léon Champy kaj ni prezentas al lia familio la esprimon de nia plej sincera kondolenco.

## Aliĝu por Hasselt

# Fabeloj de Andersen

**En traduko de Dro L. L. Zamenhof**

*En 1917 mortis nia Majstro... Lia vivoverko tamen vivis plu...*

*Pro certaj kialoj ne aperis tamen parto de lia traduka laboro: la resto de la « Fabeloj de Andersen ».*

*Belga Esperanto-Instituto aĉetis la eldonrajton de tiu traduko kaj post kelka tempo aperos du belaj volumoj... du majstroverkoj.*

*Ĉi poste ni publikigas parton de la unua fabelo el la kvara parto.*

---

### LASTA SONĜO DE MALJUNA KVERKO.

Kristnaska fabelo.

Sur alta deklivo, tute apude de la libera marbordo, staris vere maljuna kverko, kiu havis la aĝon de ĝuste tricent sesdek kvin jaroj. Sed tiu longa tempo por la arbo ne signifis pli ol tia sama nombro da tagoj por ni homoj. Ni maldormas en la tago, dormas en la nokto kaj havas tiam niajn sonĝojn, sed kun arbo estas alia afero, arbo maldormas en la daŭro de tri sezonoj, kaj nur en la komenco de la vintro ĝi endormiĝas, la vintro estas ĝia dormotempo, ĝia nokto post la longa tago, kiu estas nomata printempo, somero kaj aŭtuno.

Dum multe da varmaj someraj tagoj la unutagaj muŝoj dancis ĉirkaŭ ĝia kapo, vivis, flugis kaj sentis sin feliĉaj; kaj kiam la malgranda estaĵo momenton ripozis en silenta feliĉo sur unu el la grandaj freŝaj kverkfolioj, tiam la arbo ordinare diradis: « Vi kompatinda malgranda estaĵo! Nur unu momenton daŭras via tuta vivo! Kiel mallonge! Kiel malĝoje! »

« Malĝoje? » respondadis ordinare la unutaga muŝo, « kion vi pensas per tio? Ĉio estas ja tiel nekompareble luma kaj klara, tiel varma kaj belega, kaj mi estas tiel ĝoja! »

« Sed nur unu tagon, kaj poste ĉio estas finita ! »

« Finita ? » diris la unutaga muŝo. « Kio estas finita ? Ĉu vi ankaŭ finiĝas ? »

« Ne, mi vivas multajn milojn da viaj tagoj, kaj mia tago ampleksas tutajn sezonojn. Tio estas io tiel longa, ke vi tute ne povus tion kalkuli ! »

« Ne, ĉar mi vin ne komprenas ! Vi havas milojn da miaj tagoj, sed mi havas milojn da sekundoj, en kiuj mi povas esti ĝoja kaj feliĉa ! Ĉu ĉiuj belegaĵoj de la mondo malaperos, kiam vi mortos ? »

« Ne, » diris la arbo, « la mondo certe ekzistos plue, senfine pli longe, ol kiel mi povas imagi al mi ! »

« Sed en tia okazo ni havas ja egalan daŭron de la vivo, sed ni nur malegale kalkulas. »

Kaj la unutaga muŝo dancis kaj suprenflugis en la aeron, ĝojis pri siaj delikataj artplenaj flugiloj, ĝojis pri ilia gazeco kaj velureco, ĝojis en la varma aero, kiu estis traspicita per la odoro de la trifoliplenaj kampoj, de la sovaĝaj rozoj, de la siringo kaj lonicero, ne parolante jam pri la dolĉa odoro de la asperulo kaj de la sovaĝa mento. La odoro estis tiel forta, ke la unutaga muŝo pensis, ke ĝi iom ebriiĝis de tio. La tago estis longa kaj belega, plena de ĝojo kaj de dolĉa sento, kaj kiam la suno subiĝis, la malgranda muŝo sentis sin tiel agrable laca de la tuta ĝojo kaj feliĉo. La flugiloj ne volis plu ĝin porti, kaj tute mallaŭte ĝi malleviĝis sur la molan balanciĝantan trunketon de herbo, balancetis la kapon tiel, kiel nur ĝi povas balanceti, kaj ĝoje endormiĝis. Tio estis ĝia morto.

« Kompatinda malgranda muŝeto ! » diris la kverko, « tio estis ja tro mallonga vivo ! »

Kaj ĉiutage ripetiĝadis la sama dancado, la sama interparolado, la sama respondo kaj la sama endormiĝo; tio ripetiĝis en ĉiuj generacioj de la unu-

tagaj muŝoj, kaj ĉiuj ili estis tiel same feliĉaj, tiel same ĝojaj. La kverko travivis maldorme sian printempan matenon, sian someran tagmezon kaj sian aŭtunan vesperon, sed nun alproksimiĝis ĝia tempo de dormo, ĝia nokto. Alproksimiĝis la vintro.

Jam la ventegoj kantis: « Bonan nokton, bonan nokton ! Jen defalis folio, jen defalis alia ! Ni deŝiras, ni deŝiras ! Zorgu, ke vi povu dormi ! Ni kantas al vi por dormo, ni skuas vin por dormo; sed ĉu ne vere, tio estas bonefika por la maljunaj branĉoj ? Ili krakas de plezuro ! Dormu dolĉe, dormu dolĉe ! Tio estas via tricent-sesdek-kvina nokto; en efektiveco vi havas la aĝon de nur unu jaro ! Dormu dolĉe ! La neĝa nubo pretigos al vi molan litou, ĝi metos tutan litotukon, molan litkovrilon ĉirkaŭ viajn piedojn ! Dormu en dolĉa ripozo kaj havu agrablajn sonĝojn ! »

Tute senfolia staris nun la kverko, por ripozi dum la tuta vintro kaj ĝui diversajn belajn sonĝojn. Sed kiel la sonĝoj de la homoj, tiel ankaŭ ĝiaj sonĝoj prezentis al ĝi ĉiam nur ion travivitan.

Ĝi ankaŭ iam estis malgranda; laŭ homa kalkulo ĝi havis nun la aĝon de kvara jarcento. Ĝi estis la plej granda kaj plej bela arbo en la arbaro, per sia kapo ĝi elstaris alte super ĉiuj aliaj arboj, kaj de la maro oni ĝin povis vidi jam en granda malproksimeco, ĝi servis al la maristoj kiel orientiĝa signo. Ĝi tute ne pensis pri tio, kiom multe da okuloj ĝin serĉadis. Alte supre en ĝia verda kapo havis siajn nestojn la sovaĝaj kolomboj, la kukolo kriis sian nomon, kaj en aŭtuno, kiam la folioj aspektis kiel martelitaj kupraj lamenoj, aperadis la migrantaj birdoj kaj ripozadis sur ĝi, antaŭ ol flugi trans la maron. Sed nun estis vintro, la arbo staris senfolie, kaj oni povis vidi tre klare, per kiaj arkoj kaj kurbaĵoj etendiĝas ĝiaj branĉoj. Kornikoj kaj monedoj venis kaj sidiĝis sur ĝi amase kaj babilis pri la malmilda tempo, kiu nun komenciĝis, kaj pri tio, kiel malfacile estas en la vintro trovi al si manĝaĵon.

Ĝuste en la sankta Kristnaska tempo la arbo sonĝis sian plej belan sonĝon; ĝin ni aŭskultu.

La arbo sentis tute klare, ke estas festa tempo; ŝajnis al ĝi, ke ĝi aŭdas, ke ĉirkaŭe sonas ĉiuj preĝejaj sonoriloj, kaj ĉe tio estis al ĝi en la animo kiel en bela dimanĉo, milde kaj varme. Freŝe kaj verde ĝi etendis sian potencan kapon, la radioj de la suno ludis inter ĝiaj folioj kaj branĉoj, la aero estis plena de la odoro de herboj kaj arbetaĵoj; diverskoloraj papilioj ludis unu kun la alia sinkaptadon, kaj la unutagaj muŝoj dancis, kvazaŭ ĉio ekzistus nur por tio, ke ili dancu kaj ĝoju. Ĉio, kion la arbo dum multe da jaroj travivis kaj vidis ĉirkaŭ si, pretermarŝis nun antaŭ ĝi kiel en festa procesio. Ĝi vidis, kiel kavaliroj kaj sinjorinoj el malnova tempo surĉevale rajdas tra la arbaro kun plumoj sur la ĉapelo kaj kun falko sur la mano. La ĉaskorno sonis, kaj la hundoj bojis. Ĝi vidis, kiel malamikaj soldatoj kun brilantaj bataliloj kaj en diverskoloraj uniformoj, kun lancoj kaj halebardoj, starigas siajn tendojn kaj denove ilin forprenas; bivuakaj fajroj flamis, kaj sub la larĝe etenditaj branĉoj de la arbo oni kantis kaj dormis. Ĝi vidis, kiel amantaj paroj renkontiĝas ĉi tie en la lumo de la luno kaj entranĉas siajn nomojn, la unuajn literojn, en la grize verdan ŝelon. Citroj kaj Eolaj harpoj estis iam, antaŭ multe da jaroj, pendigitaj de junaj viglaj migrantaj viroj en la branĉoj de la kverko; nun ili denove tie pendis kaj denove sonis tiel ĉarme. La sovaĝaj kolomboj pepis, kvazaŭ ili volus rakonti, kion la arbo nun sentas, kaj la kukolo kriis sian nomon.

Tiam ĝi eksentis, kvazaŭ nova torento da vivo trafluas ĝin de la plej malgrandaj fibroj de la radikoj ĝis la plej altaj branĉoj, eĉ ĝis la internon de la folioj. La arbo sentis, ke tio donas al ĝi forton, por sin etendi, ĝi sentis per la radikoj, ke ankaŭ malsupre en la tero ekzistas vivo kaj varmo; ĝi sentis, ke ĝia amplekso pligrandiĝas, ĝi kreskis pli kaj pli alten. La trunko etendiĝis supren, ĝi ne haltis, ĝi kreskis ĉiam pli kaj pli, la kapo fariĝis pli plena, dislarĝiĝis, leviĝis supren, — kaj kun la kreskado de la arbo kreskis ankaŭ ĝia bonfarto, ĝia neesprimeble feliĉiga sopirado atingi ĉiam pli altajn celojn, elkreski ĝis la varma brilanta suno.

Jam ĝi estis elkreskinta ĝis alte super la nuboj, kie mallumaj amasoj da migrantaj birdoj aŭ grandaj blankaj vicoj da cignoj flugis sub ĝi.

(Daŭrigota.)

# La Brazila Registaro kaj Esperanto

La Brazila Instituto de Geografio kaj Statistiko, kiu celas la unuigon de la brazilaj statistikoj (antaŭ nelonge kreita de D-ro Getulio Vargas, nuna prezidanto de la Respubliko, de kiu ĝi senpere dependas, kaj kies prezidanto estas Ambasadoro D-ro J. C. de Macedo Soares, eksministro por Eksterlandaj Aferoj), kunveninte ĉe ĝenerala kunsido, unuanime aprobis la jenan deziresprimon, prezentitan de ĝia ĝenerala sekretario, D-ro Mario Teixeira de Freitas :

Paragrafo 1. Estas rekomendite, ke tuj kiam estos eble, la ĉefaj statistikaj publikigaĵoj, eldonotaj de la Unuiĝo kaj ankaŭ de la Ŝtatoj, enhavu, kiel oni juĝos plej taŭge, la necesajn elementojn, por ke ili povu esti legataj en Esperanto.

Paragrafo 2. Estas dezirinde, ke la brazilaj statistikaj departementoj alprenu Esperanton por sia korespondado eksterlanden.

Okaze de la solena ferma kunsido de la Naciaj Konsilantaroj de Geografio kaj Statistiko, kiun prezidis D-ro Macedo Soares, sidis ĉe la prezidanteca tablo, kune kun la oficialaj reprezentantoj de la Ministroj kaj de la Ĉefurbestro, s-ro A. Couto Fernandes, prezidanto de Brazila Ligo Esperantista. Post la legado de la raportoj kaj la oficialaj paroladoj tiu ĉi faris dankan paroladeton, kiu finiĝis per esperantaj vortoj danke al D-ro Teixeira de Freitas, tre fervora esperantisto.

Al la ĉeestantoj oni disdonis, krom ekz. de « Primeiro Manual de Esperanto » kaj aliaj esperantaĵoj, la tiam aperintan Statistikan Resumeton, kiun eldonis la Instituto de Geografio kaj Statistiko. Tiu ĉi eldonaĵo, kiu estis kompostita kaj presita antaŭ la aprobo de la supra deziresprimo, estas *fakto*, kiu pruvas, ke tiu ĉi ne restos surpapera, kiel okazas al preskaŭ ĉiuj unuanime aprobitaj deziresprimoj.

D-ro Leite de Castro, sekretario de la Nacia Konsilantaro de Geografio, deklaris al la prezidanto de B.L.E., ke la « Brazila Revuo de Geografio », ĝia oficiala organo, baldaŭ aperonta, enhavos esperantan resumon de siaj artikoloj.

Jen tre grava venko de Esperanto ĉe la registaraj rondoj !

Bonvolu peti ekzempleron de la « Statistika Resumeto », de : Instituto Brasileiro de Geografia e Estatistica, Praça Mauá, 7 - 11-o andar, Rio-de-Janeiro, Brazilo.

*(El « Heroldo de Esperanto »)*

# Bibliografio

**DE TUTMONDA PERFORTO AL TUTMONDA FRATECO. Verkita de G. F. Wates, tradukita de W. Bailey, L.K. — 128 p. 12,5 x 19 cm. Bele bindita volumo, eldonita de la Esperanto-Publishing Cy. Havebla ĉe Belga Esperanto-Instituto, 127, Lange Leemstr., Antverpeno.**

...ntaŭ kelkaj monatoj, ni kontakt... kun la unua esperanto-eldono de ...verko de George Frederick Wates: ...gresado kaj Pasinteco.

...Ni — kaj ankaŭ la cetera esperant... gazetaro — nur povis laŭdi káj la ...onintojn — E.P.C. — káj la tra...intон — W. Bailey — pro la aper... de tiu verko.

...Nun ni plenvoĉe povas ripeti tiujn ...dojn kiam alia verko de tiu aŭtoro, ...e tutmonda Perforto al tutmonda ...teco », kuŝas antaŭ ni, eldonita de ...ama firmo kaj tradukita de l' sama ...mpetenta esperantisto.

...G. Frederick Wates montras en la ...a verko, kiel de fruaj jarcentoj ĝis ...nuna tempo, perforto ĉiam mal...ŝas la liberan esprimon kaj evoluon ...opinioj pri aferoj religiaj, politikaj ...sociaj, kaj, paralele, ke ĝenerale ...gresado estas forte obstrukcita de ...egado de oficiala aŭtoritato kaj de ...nonpotenco.

...La aŭtoro insiste substrekas la ...eson de tolerema sintenado ĉe di...sopiniaj homoj. Nur tio povas kon...i al la sento de frateco, kiun ni tiel ...e bezonas en nia tempo de mal...ikviligaj cirkonstancoj.

...La verko — evidente ne legaĵo kiel ...iano — abundas je faktoj kaj hi...iaj ekzemploj kiuj igas ĝin des pli ...resa.

HOSO.

**BES-a ADRESARO DE ESPERANTISTOJ EL ĈIUJ LANDOJ. 13-a eldono, 1937/38. — Entute 76 p.; 11 x 14,5 cm. Prezo 8 ĉ.kr. — Eldonis BES, Potŝtejn, Ĉeĥoslovakio.**

...ost tri-jara paŭzo, kaŭzita de politikaj kaj ...onaj cirkonstancoj, denove elvenis la ŝatata adresaro, en konata formato kaj aranĝo, pli ol 500 adresoj el kvardeko da landoj, kun 84 portretoj. La adresaro bone servos ...pe al samideanoj kiuj deziras korespondi ...nterŝanĝi.

**MUUSSES ESP.-BIBLIOTEKO, PURMEREND. — La serio ampleksas 10 volumetojn de 32—36 pĝ. en formato de 13 x 20 cm. 1 vol. kostas 0.35 ned. guld., la tuta serio 2.50 guld. afrank.**

N-ro 8 « **La Avo** » de Aleksandro Petöfi, el la hungara trad. Ladislao Spierer.

N-ro 9. « **La usnaskito** ». Nekredebla historio de Ricardo Becerro de Bengoa; el la hispana trad. José Fernando Berrenguer.

N-ro 10. « **La jubilea Kongreso de Esperanto 1912** », rememoroj kaj oficialaj dokumentoj, aranĝita kaj kompilita de Julius Glück.

N-ro 11. « **La ora jubilea kongreso de Esperanto 1937** ». Paroladoj faritaj okaze de la 29-a universala kongreso en Varsovio. Aranĝis kaj kompilis Julius Glück.

N-ro 12. « **Nordnordaj fabeloj** ». Verkis Joël Thézard, franca profesoro.

N-ro 13. «**En la vagono, kaj aliaj rakontoj**». Verkis Ivan Ŝirjaev. Tri belaj rakontoj, simplaj je temo kaj lingvo kaj tre rekomendindaj por komencantoj.

**Eta Poŝtmarkalbumo.** — Tri volumoj, po unu respondkupono. Volumoj I, II: Jugoslavujo, 1921-1930 kaj 1931-1936; III: Bosnio kaj Hercegovino, Plena priskribo, kun lokoj por ĉiuj markoj. Venonta volumo: Kroatujo. Ĉe Redakcio de Eta Albumo, Sarajevo, Jugoslavujo.

**La meritoplena vivo kaj patriota agado de Francisko Rákóczi,** la IIa Elektita Hungara Naciestro. Verkita de Jozefo Mijalik de Hernadszurdok. Kajero unua de la Biblioteko « Pri Hungarlando por Tutmonda Esperantistaro ». 15 pp., prezo ne montrita. Ĉe Hungara Esperanta Federacio, Bejczi-u 1, Sashalom, apud Budapest, Hungarujo.

**Hungaraj Brodaĵoj.** — Ladislao de Spolarich. 26 pp., du respondkuponoj, ĉe Hungara Esperanta Federacio, Jozefo de Mihalik, Sashalom, Bejczi-u. 1, Hungarujo. Interesa priskribo de hungaraj brodaĵoj (historio, signifo, specoj, procedoj), kun 29 belaj bildoj. Unikaĵo en nia literaturo.

**Jarlibro de SAT, 1938.** — Statuto, historio, informoj, adresaro. 31 pp. Nur por membroj de SAT.

**Ilustritan faldprospekton pri Ĉeĥoslovakio** senpage sendas al niaj legantoj: Ĉeĥoslovaka Esperantista Informejo, Praha XIX., Uralské 9.

## Sur nia legotablo

Verkoj kiujn ni jam ricevis kaj pri kiuj aperos recenzo en sekvonta numero:

**Francisko Molnar: La Knaboj de Paŭlo-Strato.** Trad. el la hungara Ladisloa Spierer, Nr. 2 de la « EPOKO » Libro-Klubo. 1938. 193 pĝ.

**P.G. Wodehouse: La Princo kaj Betty.** — Trad. el la angla G. Badash. N-o 3 de la « EPOKO » Libro-Klubo. 192 p.

**H.G. Wells: La Tempo-Maŝino; La Lando de la Blinduloj.** — Du romanoj en unu volumo, tradukitaj el la angla lingvo de E. W. Amos. N-ro 4 de la « EPOKO » Libro-Klubo. 192 p.

**Edgar Rice Burroughs: Princino de Marso.** — Tradukis el la usona originalo K.R.C. Sturmer. N-ro 5 de la « EPOKO » Libro-Klubo. 192 p.

**Dorothy Canfield Fisher: Infanoj kaj Patrinoj.** — Tradukita de T. J. Gueritte. 175 paĝoj. Tole bindita, 3 ŝilingoj 6 pencoj.

**Ĉiuj supre menciitaj libroj estas aĉeteblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, kie oni povas ankaŭ aliĝi al « EPOKO »-Libro-Klubo.**

# Esperanto nedezirata !

*« Heroldo de Esperanto » de antaŭ kelkaj semajnoj enhavas rubrikon, en kiu oni publikigas novaĵon pri okazintaĵoj, ĉe kiuj Esperanto estus povinta ludi seriozan rolon sed... ne estis bezonata.*

*Ĉi sube ni publikigas specimenon.*

**Chamberlain kaj Hitler ne kapablis rekte paroli unu al la alia.**

La franca korespondanto de « Daily Telegraph », konservativa angla ĵurnalo, raportis al sia redakcio merkredon vespere, la 14.9. (la ĵurnalo publikigis tion la 15.9.):

« La decido de s-ro Chamberlain, iri al Berchtesgaden morgaŭ, estas la rekta rezulto de diskuto kun la franca registaro, sed la formo de tio ne sugestis ke brita ĉefministro mem estos la persono por rekte kontakti kun la *Führer*.. Hieraŭ posttagmeze s-ro Chamberlain kaj s-ro Daladier, la franca ĉefministro, interparolis telefone, kaj Kavaliro Eric Phipps, brita ambasadoro en Parizo, interpretis. »

La sama ĵurnalo, en alia parto, parolante pri la flugvizito de s-ro Chamberlain al Germanujo, diras :

« La ĉefministro ne povas konduki diskutadon en la germana lingvo, kaj s-ro Hitler simile ne povas konversacii en la angla lingvo kun facileco. La interŝanĝo de vidpunktoj okazos pere de interpretistoj, kaj supozeble s-ro Strang (akompananto de s-ro Chamberlain) plenumos tiun oficon... S-ro Strang prenis la notojn de la longaj konversacioj inter s-ro Hitler kaj Kavaliro John Simon kaj s-ro Eden dum ilia vizito al Berlino en 1935. »

Ni dankas s-anon E.D. Durrant pro la komuniko de supraj tekstoj. La samajn informojn oni povis legi en multaj aliaj ĵurnaloj de la tuta mondo.

Post la vizito oni legis ke « Post la teo Hitler kaj Chamberlain havis konferencon, kiu daŭris 2 1/2 horojn. Nur la interpretisto, D-ro Schmidt, ĉeestis krome. La pens-interŝanĝo mem, se oni deprenus la tempon necesan por la tradukado, daŭris iom pli ol unu horon. » (« Haagsche Courant », 16.9.1938.)

Tradukistoj kaj interpretistoj estas gravaj kaj utilaj homoj, kaj oni bezonos ilin ankoraŭ longan tempon post la enkonduko de Esperanto, — fakte oni bezonos tradukistojn en ĉiuj tempoj, ĉar ĉiam ekzistos naciaj lingvoj, krom la internacia. Sed kiam temas pri tiel

# Mortis Frederiko Karinthy

fama hungara verkisto kaj poeto, estinta prezidanto de Hungarlanda Esperanto Societo, la 29-an de aŭgusto. La nomon de Karinthy konas la esperantistaro el tradukoj: « Margaŭ matene » (lia plej sukcesa teatraĵo), « Norda vento » (novelkolekto) kaj kelkaj noveloj aperintaj en gazetoj kaj en « Hungara Antologio ». Li sciis nur malmulte Esperanton, sed ofte parolis publike pri ĝi, verkis pri ĝi artikolojn, menciis ĝin en siaj humoraĵoj, kiuj ĝenerale estis ŝatataj pro respegulo de la profundaj homanimaj trajtoj. Li gvidis dufoje publikajn diskutvesperojn pri Esperanto, kiujn partoprenis laŭ invito de HES aliaj konataj verkistoj. En 1932 dum Internacia PEN-Kongreso de Verkistoj li eĉ prezentis proponon por kunlabori kun la Esperanto-movado. En la lasta tempo li projektis novan Enciklopedion por difini la signifon de la vortoj. En artikolo pri Esperanto en marto li eĉ deklaris ke pro la nuna kaoso en la opiniaro de diversaj popoloj oni devos unue krei la konvencion inter la nacioj pri la signifo de la vortoj, antaŭ ol oni kreos konvencion por enkonduki Esperanton. Li naskiĝis en 1888 en Budapest, volis esti matematikisto, sed forlasis la universitaton por fariĝi populara verkisto. En sia, ankaŭ en Esperanton tradukita verko « Vojaĝo al Faremido » li daŭrigas la rakontojn de Swift, kondukante la faman vojaĝanton Gulliver al mirinda, mekanika lando, kie oni parolas internacian muziklingvon. Nun li espereble atingis alian mirindan landon, kie li trovos tion, kion li plej multe ŝatis dum sia tera vivo: interkompreniĝi kun homoj samideaj.

Ĉe la enterigo la esperantistaron reprezentis s-ro Paŭlo Tolnai kaj edzino. P. B.

---

gravegaj interparoloj, de kiuj dependos milito aŭ paco, la vivo aŭ morto de milionoj, kaj eventuale la pereo de Eŭropo, estas tamen altgrade bedaŭrinde, ke Chamberlain kaj Hitler ne kapablas rekte paroli unu al la alia. Pri la tempo, kiu perdiĝas per la interpretado, kaj per la ĝustigo de eventualaj miskomprenoj, ni eĉ ne insistu.

---





# Oficejo 'Esperanto ĉe la instruado'

(**C. Krusemanstr. 43/3, Amsterdam-Z., Ned.**)

## Alvoko al la tutmonda gesamideanaro.

Gesamideanoj,

Ni, nederlandaj esperantistoj, staras antaŭ grava okazontaĵo.

En la monatoj novembro aŭ decembro nia regna deputitaro (dua ĉambro de la parlamento) pritraktos novan leĝon pri la edukado de geinstruistoj kaj la budĝeton de la instrua ministro. Nia oficejo decidis aranĝi antaŭ ĉi tiu pritraktado **Nacian Kongreson por Esperanto en la Lernejoj**, kiu okazos en **Hago**, la 5-an de novembro, je la 15-a horo, en granda salono.

Jam antaŭ kelkaj monatoj deputitaro de nia oficejo priparolis niajn dezirojn kun la direktoro ĝenerala por la instruo. La skriba pritraktado de la nomita leĝo jam okazis, la ministra starpunkto ne estis favora al nia afero. Sed la buŝa ankoraŭ okazos, kaj ni deziras influi la finan decidon. La situacio ne estas senesperiga: sufiĉe grava parto de la deputitaro certe subtenos nin. Estos nia tasko ŝanĝi tiun parton en plimulton.

Nia oficejo, kiu reprezentas proks. 89000 personojn, invitos al la kongreso: la ministron, la direktoron ĝeneralan, ĉiujn deputitojn, la regnan instru-konsilantaron, la ŝtatajn inspektorojn, skabenojn de grandaj urboj, ktp.

Kvar eminentaj parolontoj estas petataj, enkonduki la temon laŭ propra gusto.

Kaj ni, nederlandaj esperantistoj, zorgos pleniĝi eĉ la plej grandan salonon.

Sed al vi, **eksterlandaj geamikoj**, ni alvokas: **Sendu simpati-esprimojn multegnombrajn, poŝtkarte, letere, telegrame, unuopajn kaj kolektivajn!** Sendu ilin al la oficeja adreso.

Kaj ni montros en la kongreso la rezultaton de ĉiu tiu ununura alvoko, por konvinki la aŭtoritatulojn same kiel la ceteran publikon, ke nia devizo

« **Esperanto en la lernejojn** »

same vivegas en- kaj eksterlande.

Kun samideanaj salutoj,
P. W. B a a s, prezidanto.

---







**Letervespero**. — La Esperanto-Klubo de la Hutt Valley, Nov-Zelando aranĝos letervesperon la 18-an de Oktobro 1938. Bonvolu sendi leterojn, poŝtkartojn aŭ gazetojn. Geamikoj tutmondaj, skribu multnombre, por kuraĝigi niajn geanojn! Respondo al ĉiu garantiata. Adreso: Hutt Valley Esperanto-Klubo, 27 Queens Road, **Lower Hutt**, Nov-Zelando.

---

**ESTRARO DE „BELGA LIGO ESPERANTISTA"**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)
**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)
**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)
**Sekretario:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo.
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I.E.L. sin turni al: S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.

24ª Jaro - Nº 11 (261) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Novembro 1938ª

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908ª

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.38

AL PLI GRANDA PERFEKTIGO

## Ni meritu kaj akiru niajn diplomojn

Antaŭ kelkaj monatoj, la administrantaro de Reĝa Belga Ligo Esperantista dediĉis preskaŭ tutan kunsidon al la funda esploro de la ekzamena demando; de la regularo laŭ kiu tiuj ĉi okazos estonte; de la programo por la diversaj ekzamenoj kaj fine, al la indiko de la juĝantoj.

En la dua paĝo de tiu ĉi numero, la leganto trovos alvokon por granda ekzamena tago, kiu okazos en la monato de Marto proksima, en urbo ankoraŭ nekonata, sed kiun ne la sorto, sed la nombro de la partoprenontoj indikos.

Li ankaŭ tie trovos la represon de la regularo, de la programo kaj de ĉiuj kondiĉoj plenumotaj.

Kaj iuj povus pensi, ke do sufiĉas; ke do ne estas necese, eĉ ne dezirinde, ke ankoraŭ pli da inko oni foruzu al tiu demando, kiu tamen interesas nur kelkajn.

Ne estas nia opinio. La demando fakte interesas nur kelkajn.

Sed la demando devus interesi multe pli da membroj de nia Ligo.

Ho! Ni konscias. Kiam ni estis studentoj, ni jam malŝategis la ekzamenojn kaj kiam mi diras NI, ne temas pri moŝta uzo de la multnombro. Ni, t.s. la grandega plimulto de la studentoj.

Kaj tiu sento de malŝato akompanas la homojn ordinare dum ilia tuta vivo, kaj ni konas multajn, kiuj nenial ankoraŭ akceptus fari ekzamenon.

Ni insistas: ili malpravas!

Ili malpravas, ne, ĉar ekzameno kaj diplomo signifas multe, sed ĉar ekzameno, eĉ sen diplomo, supozas iun preparon, kiun plenkreskulo, kiu havas siajn zorgojn, sian laboron, sian vivon jam tute faritan, ordinare preterlasas, kiam li ne antaŭmetis al si taskon, celon plenumotan.

Ili malpravas, ankaŭ kontraŭ nia movado, kiu pli ol kiu ajn alia postulas homojn, kiuj ne nur estas entuziasmaj pri nia idealo; kiuj kun admiro kaj respekto parolas pri la ideo de lingvo internacia kaj pri la solvo, kiun D-ro Zamenhof trovis por ĝi; sed kiuj ankaŭ kapablas flue paroli la lingvon; skribi kaj traduki kaj fine ankaŭ instrui.

Ne diru: Mi ja parolas la lingvon sufiĉe bone por miaj bezonoj kaj la instruadon de la lingvo, ni lasu al profesiaj instruistoj.

Se vi volas rigardi ĉirkaŭ vi; ankaŭ retrorigardi en la pasintecon, vi vidos, ke se ni havis bonegajn instruistojn, kiuj dediĉis sian tempon al la instruado de Esperanto, la granda plimulto de niaj kursoj estis donitaj de ne-instruistoj, eĉ en tiuj urboj, kie ni kalkulas membrojn instruistojn.

Ĉu ni riproĉu al ili pro tio? Ne!

Pro la leĝo de la kontrastoj, ni, kiuj skribas dum la tuta tago artikolojn piej diversajn, ni multe pli volonte akceptos fari paroladon en grupo, eĉ malproksima, ol verki artikolon por iu revuo.

Ni do bone devas kompreni, ke instruisto pli volonte skribus artikolon ol fari ankoraŭ lecionon, post longa instruiga laboro.

Kaj ni do devas, se ni sentas en ni la kapablon, meti nin sur la rangoj de la unua legio, tiu pri kiu la Movado povas disponi.

Tiu unua rango estas tiu de la kandidatoj al la ekzamenoj.

Por plifaciligi al vi la krudan vojon al tiuj ekzamenoj, Belga Ligo decidis, — kaj tiel ĝi akordiĝis kun la internaciaj instancoj —, organizi, krom la ekzameno pri lernado, kiun la grupoj aranĝas, ekzamenojn pri supera lernado kaj pri profesora kapableco.

Povas partopreni la lastan ekzamenon, nur tiuj kandidatoj, kiuj jam posedas la antaŭan diplomon.

Tiel la lernanto, iom post iom, konvinkiĝas mem pri siaj kapabloj, konscias pri ili kaj pli facile povos preni la decidon prezenti sin por la lasta instanco, tiu, kiu ekster skriba kaj paroliga parto, ankaŭ entenas instruan parton.

Jam de preskaŭ tri jaroj ne plu okazis ekzameno en Belgujo pri profesora kapableco, dum tiu pri la supera lernado neniam okazis en nia Ligo. Ni do rajtas supozi, ke intertempe novaj elementoj ekstaris aŭ ke malnovetaj maturiĝis kaj ni do povas esti certaj, ke nia Liga Prezidanto ricevos, antaŭ la monato de Februaro proksima, multajn petojn, tiel ke la unua rango de la unua legio estu vidinda kaj kuraĝiga.

Kaj por tion akiri, la grupoj havas gravan devon plenumotan.

Tiun ni ne klarigos tie ĉi. La grupoj ĝin konas.

Maur. JAUMOTTE